Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1977/78 N-ro 7(51) Marto

## KOMITATANOJ KUEVENIS EN MOSKVO

La akcepto de du SEJM-komitatanoj fare de altranga funkciulo de SSOD (vidu "A"-6, p.74) konsiderinde influis la agadplanon de la Komitato. Dum tiu vizito la komitatanoj ricevis inviton ĉeesti la 6-an de marto dum plilarĝigita kunsido de la E-Komisiono de SSOD kaj prezenti siajn proponojn pri ties agado. Lige kun tio la vica kunsido de nia Komitato estis kunvokita en Moskvo la 4-an - 6-an de marto. Ĝin partoprenis 6 komitatanoj el 7 (mankis nur P.Jegorovas).

La ellaboro de proponoj por la SSOD-Komisiono estis en centro de nia atento. La Komitato traktis tiun demandon seriose kaj funde (tiutemaj debatoj daŭris eĉ ĝis la 3-a horo nokte) kaj kompilis sufiĉe detalan proponaron por proksimtempa kaj perspektiva agado laŭ diversaj funkciaj direktoj de la Komisiono, ankaŭ pri ties strukturo. Post kelkaj precizigoj, faritaj dum la kunsido de la Komisiono mem (kiun ĉeestis ĉiuj venintaj komitatanoj), la ellaboritaj proponoj estas transdonitaj al la gvidantaro de SSOD.

Lige kun la proksimiĝanta XVIII-a Kongreso de Komsomolo la Komitato decidis verki raporton pri soci-utila agado de SEJM dum la kvar interkongresaj jaroj kaj prezenti ĝin al la Kongreso. Pri la raporto okupiĝos laborgrupo el tri komitatanoj.

La Komitato pridiskutis la demandon pri la someraj aranĝoj. Estis konstatita bona komenco de OrSEJT-preparado kaj certa postresto flanke de OkSEJT. La Komitato rekomendas, ke OkSEJT-20 okazu en la dua dekado de aŭgusto, kaj ne kontraŭas, ke ĝi pasu sen Paroliga periodo. Por esploro kaj helpo al Maĥaĉkala estos oficvojaĝigitaj vicprezidantoj de SEJM L.Novikova kaj D.Cibulevskij.

La komitatanoj notis, ke pro antaŭvidebla partopreno de pluraj SEJM-aktivuloj en la planata SSOD-karavano al Bulgario aperis danĝero, ke la 12-a SEJM-Konferenco en Altaje estos nesufiĉe reprezenta. Okaze de tio naskiĝis propono, principe aprobita de la Komitato kaj subtenata de OrSEJT-mastroj: transmeti la Konferencon al Moskvo kaj aranĝi ĝin senpere antaŭ la komuna forveturo de la kongresanoj al Bulgario. La koncernaj eblecoj estas esplorataj.

Dum la komitatkunsido estis reciproke kontrolitaj la laborplanoj de apartaj komitatanoj. Estas notitaj kelkaj eroj, kiuj estas plenumataj tro longe kaj postulas akcelitan finfaron (ekz., Gvidlibro de aktivulo, Jubilea libro). Lige kun la bedaŭrinda informo de la sekretario pri neaperigo de la Jarlibro la Komitato decidis publikigi almenaŭ ĝian adresan parton en "Aktuale" (vidu en ĉi tiu kaj la sekva numeroj).

La Komitato subtenis la proponon de V.Sapoĵnikov pri lanĉo de "Propagandaj kajeroj", kiujn li mem pretas redakti.

Estas decido organizi ĉi-jare socialisman konkuradon inter la fakoj (servoj) de SEJM. La taksa demandaro estos dissendita al la fakestroj, kaj dum la Konferenco estos anoncitaj kaj premiitaj la plej aktivaj SEJM-fakoj.

La Komitato memorigas al SEJM-kluboj, ke venis tempo pagi la ĉi-jarajn kotizojn.

La komitatanoj komune vizitis kunvenon de MIEK, dediĉitan al la

Internacia virina tago. La plej malproksima gasto - V.Sapoĵnikov faris gratulparolon.

Nome de la Komitato mi dezirus danki al prezidanto de Moskva junulara E-klubo P.Donskiĥ pro grava helpo pri loĝigo de la gastoj.

V.Aroloviĉ, vicprezidanto de SEJM.

## PRI INTERNACIA EDUKADO

Unuavica celo de ĉiu SEJM-klubo estas - zorgi pri la internacia edukado de la klubaj membroj. Por plivigligi ĉi-direktan agadon kaj la kluban laboron ĝenerale, necesas ĉiusemajne aŭ almenaŭ du fojojn monate parton de la klubkunveno dediĉi al edukado de la klubanoj en spirito de proleta internaciismo.

Estas rekomendinde organizi kunvenojn pri la temoj: "Atingoj de la popoloj en la frataj sovetaj respublikoj". SEJM havas preskaŭ 50 klubojn en diversaj respublikoj, kaj ĉiu el ili volonte helpos al vi aranĝi interesan kunvenon pri sia respubliko. Ekzemple, Ĥarkova klubo decidas aranĝi vesperon pri Latva Respubliko. Riga klubo preparas materialojn, sendas fotojn, donitaĵojn pri la atingoj de komunisma konstruado en Latva SSR, rakontas pri la sperto de la kluba agado. Plej interese estus, se al tiaj vesperoj vi povus inviti reprezentantojn, kiuj mem rakontus pri sia respubliko. Ekzemple, tre interese pasas renkontiĝoj de la proksimaj kluboj, kiel Klaipeda - Riga kaj Riga - Tallinn.

Tia reciproka helpo altigas la kvaliton de la internacia edukado, faras la klubkunvenojn pli viglaj kaj interesaj, pliriĉigas la E-agadon ĝenerale.

Ne forgesu ankaŭ, ke preskaŭ ĉiu urbo havas en aliaj landoj aron da ĝemelurboj - jen estas kampo por vigle ekagi. Se vi ankoraŭ ne havas kontaktojn kun la ĝemelurbaj E-kluboj, provu ilin starigi. Kaj vi ricevos eblecon aranĝi dum la jaro kelkajn interesajn vesperojn, dediĉitajn al la ĝemelurboj kaj iliaj landoj. Por tio petu el la ĝemelurboj prospektojn, informojn pri la lando kaj popolo, pri la E-agado tie ktp. Dum la kunveno montru mapon, legu la ricevitajn materialojn, prezentu lumbildojn.

Kompreneble ne malhelpos, se vi elektos ankaŭ aliajn landojn, kun kiuj korespondas viaj klubanoj. Ili povas kelkvorte rakonti pri la lando, legi indajn leterojn, prepari murgazeton kun belaj bildkartoj kaj kovertoj, kompili albumojn. Se via preta programo estas sufiĉe interesa, vi memkompreneble proponu ĝin al aliaj SEJM-kluboj. Nur en reciproka helpo kaj kunlaboro ni estas fortaj!

Koresponda servo de SEJM pretas helpi al vi starigi internaciajn kontaktojn. Se vi deziras aperigi anoncojn en E-gazetaro de socialismaj landoj pri organizotaj de vi vesperoj de internacia amikeco, informu unuan vicprezidanton de SEJM (226002 Riga-2, Ed. Smilĝa 34 - 5).

Por pliaktivigi internacian laboron en SEJM-kluboj, estas organizata konkurso de materialoj por plej interesa kaj riĉenhava vespero: "Niaj amikoj tra la mondo". Por partopreno en la konkurso informu min ĝis la 1-a de julio 1978 kaj kunprenu al Konferenco aŭ SEJToj viajn albumojn, murgazetojn, lumbildojn, surbendigojn ktp. por montri al ĵurio, elektota de la SEJM-Komitato. Valoraj premioj atendas vin!

A.Medinŝ, unua vicprezidanto de SEJM.

ADRESARO DE LA SEJM-KONSILANTARO
POR LA AGADJARO 1977/78

A. Komitato

1. Prezidanto - MELNIKOV Aleksandr Sergejeviĉ
344007 Rostov-Don, ab. ja. 393
2. Unua vicprezidanto - MEDINŜ Aristids Vladimira
226002 Riga, Ed. Smilĝa 34 - 5
3. V/p pri sekretariaj aferoj - JEGOROVAS Povilas Kazio
232054 Vilnius, Sauletekio aleja 29 - 26
4. V/p pri financaj aferoj - CIBULEVSKIJ Dmitrij Miĥajloviĉ
310024 Ĥarkov, Ĉajkovskogo 25 - 11
5. V/p pri fakaj aferoj - SAPOĴNIKOV Vladimir Sergejeviĉ
660075 Krasnojarsk, ab. ja. 2420
6. V/p pri renkontiĝoj - NOVIKOVA Ludmila Leonidovna
456323 Miass Ĉeljabinskoj obl., Sverdlova 8 - 102
7. V/p pri interna informado - AROLOVIĈ Viktor Semjonoviĉ
121019 Moskvo G-19 do vostrebovanija

B. Fakoj kaj servoj

1. Belarta fako - BRONŜTEJN Moisej Caleviĉ
187500 Tiĥvin Leningradskoj obl., ab. ja. 2
2. Bibliografia fako - CVETKOVA Valeria Petrovna
197137 Leningrad P-137, Ĉkalovskij pr. 60 - 91
3. Foto-servo - GREBENJUK Vladimir Grigorjeviĉ
456322 Miass Ĉeljabinskoj obl., Olimpijskaja 9 - 43
4. Historia fako - ĤARKOVSKIJ Aleksandr Samuiloviĉ
117449 Moskvo V-449, ab. ja. 325
5. Instrua fako - SMETANINA Svetlana Viktorovna
153000 Ivanovo, ab. ja. 8
6. Interlingvistika fako - KOLKER Boris Grigorjeviĉ
450025 Ufa, ab. ja. 162
7. Kolektanta fako - BANIULAITIS Viktoras Zigmo
235800 Klaipeda Lit.SSR, ab. ja. 168
8. Korespondа servo - NEILANDE Saulcerite Emiljevna
226014 Riga, Glika 9 - 2
9. Magnetofona servo - GAIDAMAVIĈIUS Stasys Jono
232000 Vilnius, ab. ja. 198
10. Populariga fako - KUPRIENKO Aleksandr Vasiljeviĉ
322010 Novomoskovsk Dnepropetrovskoj obl., Pervomajskaja 2 - 71
11. Scienc-teknika fako - GONĈAROV Anatolij Jevgenjeviĉ
656099 Barnaul, ab. ja. 11
12. Traduka fako - EBEL Vladimir Aleksandroviĉ
656099 Barnaul, ab. ja. 83

C. Kluboj

K l u b o j - m e m b r o j (parenteze - kategorio)
1. (C) Angarsk - "Bajkalo"; SR (SEJM-reprezentanto) - PAVLJUK Ludmila Aleksejevna: 665806 Irkutskoj obl., 22 - 33 - 2
2. (C) Barnaul - "Oazo": 656099, ab. ja. 11; SR - GONĈAROV Anatolij Jevgenjeviĉ, adreso kluba
3. (C) Ĉeljabinsk - E-klubo; SR - KUDRJAVCEV Viktor Vasiljeviĉ: 454022, Lenina 80
4. (C) Doneck - E-sekcio ĉe Interklubo: 340092, ab. ja. 618; SR - STAĤODUBCEV Nikolaj Nikitoviĉ, adreso kluba
5. (B) Ĥarkov - "Optimisto"; SR - LUPICKAJA Jekaterina Juljevna: 310072, ul. 23 aŭgusta 62 - 127

6. (C) Ĥmelnickij - E-klubo; SR - KORSUN Valentina Vasiljevna: 280008, ul. Frunze 107 - 49
7. (B) Ivanovo - E-klubo: 153000, ab. ja. 8; SR - GOREVA Ljubovj Nikolajevna: 153013, Dmitrijevo 26
8. (C) Kaunas - junulara sekcio de E-klubo; SR - VENSKIS Zigmas Albino: 233000 Lit. SSR, ab. ja. 179
9. (B) Kievo - "Ora pordego": 252017, Vladimirskaja 71, klub "Stroitel"; SR - MAMEDOV Murad Fikratoviĉ: 252073, ab. ja. 124/1
10. (A) Klaipeda - E-klubo: 235800 Lit. SSR, ab. ja. 179; SR - VIZGIRDAS Algimantas-Pijus Pijaus: 235800, ab. ja. 167
11. (A) Krasnojarsk - E-klubo: 660075, ab. ja. 2420; SR - BRONOV Sergej Aleksandroviĉ: 660017, ul. Bograda 100 - 43
12. (C) Kujbiŝev - "Velo"; SR - FEJGIN Igorj Vladimiroviĉ: 443020, Sadovaja 52 - 11
13. (B) Leningrado - junulara sekcio de E-klubo: 191011 D-11, ab. ja. 15; SR - GILINSKIJ Miĥail Jefimoviĉ: 197061, Rentgena 21 - 121
14. (C) Magnitogorsk - "Magneto"; SR - PAVLENKO Sergej Grigorjeviĉ: 455023 Celjabinskoj obl., Oktjabrjskaja 28 - 110
15. (C) Maĥaĉkala - "Guto": 367012, ab. ja. 074; SR - JUNUSOV Abdurahman Gagiljeviĉ, adreso kluba
16. (C) Meĵdureĉensk - E-klubo: 652870 Kemerovskoj obl., ab. ja. 60; SR - BABIN Klimentij Aleksejeviĉ: 652870, Komarova 22 - 23
17. (B) Miass - "Malaĥita stelo": 456300 Ĉeljabinskoj obl., ab. ja. 25; SR - KOPTJAGINA Tatjana Aleksandrovna: 456304, pr. Avtozavodcev 24 - 34
18. (B) Moskvo - junulara E-klubo; SR - ŜOROĤOVA Natalja Nikolajevna: 142717 Moskovskaja obl., Leninskij r-n, p/o Razvilka 8ª - 71
19. (C) Novomoskovsk - E-klubo; SR - KUPRIENKO Aleksandr Vasiljeviĉ: 322010 Dnepropetrovskoj obl., Pervomajskaja 2 - 71
20. (C) Novosibirsk - E-klubo: 630099, ab. ja. 213; SR - BUTTAU Anna Gotlibovna: 630079, N.Danĉenko 16 - 15
21. (A) Omsk - "Kamomilo": 644099, ab. ja. 155; SR - ZAĤARĈENKO Raisa Petrovna: 644063, ul. XX let RKKA, 246 - 4
22. (C) Permj - KID "Esperanto"; SR - RJABININ Viktor Pavloviĉ: 614017, Industrializacii 12 - 5
23. (C) Petropavlovsk-Kamĉatskij - "Koro esperantista"; SR - NATINJ Andris Johanoviĉ: 683024, bulvar Ribackoj slavi 3 - 10
24. (A) Riga - junulara E-klubo: 226050, ab. ja. 52; SR - OGRENA Dace Jana, adreso kluba
25. (C) Rostov-Don - "Amikeco": 344007, ab. ja. 393; SR - ANUFRIENKO Olga Nikolajevna: 344072, Iniciativnaja 39 - 3
26. (B) Salavat - "Verda aŭroro": 453200 Baŝk. ASSR, ab. ja. 4; SR - VJAZOVCEV Viktor Nikolajeviĉ: 453211, Neftjanikov 5 - 12
27. (C) Sizranj - "Espero"; SR - AROLOVIĈ Natalja Aleksandrovna: 446010 Kujbiŝevskoj obl., Gogolja 12 - 7
28. (C) Soĉi - E-klubo: 354000 Krasnodarskogo kraja, ab. ja. 6; SR - ORLOVA Irina Viktorovna: ul. Roz 61 - 21
29. (C) Talgar - "Verda Brigantino"; SR - GERCIKOV Grigorij Moisejeviĉ: 483310 Alma-Atinskoj obl., Kommunistiĉeskaja 278
30. (B) Tiĥvin - "Lampiro": 187500 Leningradskoj obl., ab. ja. 2; SR - GAKALENKO Vladimir Grigorjeviĉ, adreso kluba
31. (A) Tjumenj - "Revo": 625009, ab. ja. 139; SR - IZOSIMOV Vladimir Arkadjeviĉ: 625000, Odesskaja 57 - 8
32. (A) Ufa - E-klubo: 450025, ab. ja. 162; SR - FOMENKO Galina Vladimirovna: 450077, Cjurupi 85 - 140.
33. (C) Ustj-Kamenogorsk - "Verda Horizonto": 492018, ab. ja. 312; SR - ANOĤIN Boris Vasiljeviĉ, adreso kluba
34. (A) Vilnius - "Juneco": 232000, ab. ja. 61; SR - STRAĴNICKAS Laimis, adreso kluba

35. (C) Zaporoĵje - E-klubo; SR - KOLKER Daniil Judkeviĉ: 330098, Poljakova 11 - 40

K l u b o j - k a n d i d a t o j

36. Jerevan - E-klubo; SR - PATATJAN Avetis Gevorkoviĉ: 375069, ul. Gastello II, 15a - 25
37. Kapsukas - "Suduva"; SR - MERIJAUSKIENE Janina: 234520 Lit. SSR, Angarieĉio 88a - 9
38. Liepaja - junulara grupo "Tilieto"; SR - KIŜKE Daina Antona: 229701 Latv. SSR, Zirnu iela 133 - 1
39. Lvov - "Primavero": 290000, ab. ja. 108; SR - KOROLEVIĈ Aleksandr Iosifoviĉ: 290013, Kijevskaja 26 - 5
40. Pärnu - E-klubo; SR - TOOMSALU Arvo Jaan: 203600 Est. SSR, Riia 273 - 12
41. Siktivkar - "Norda stelo": 167000, Gosuniversitet, KID; SR - STRALER Oleg Franceviĉ: 167026, II mikrorajon, 41 - 54
42. Sterlitamak - "Esperantisto"; SR - SAFRONOVA Elvira Aleksandrovna: 453100 Baŝk. ASSR, Nasiri 3 - 75
43. Tula - "Solidareco": 300000, ab. ja. 21; SR - KUZNECOV Aleksandr Nikolajeviĉ, adreso kluba
44. Viljandi - E-klubo: 202900 Est. SSR, ab. ja. 33; SR - HEIKI Kalam: Musta tee 5

### Ĉ. Funkciuloj

1. Reprezentanto ĉe UEA - KOLKER Boris Grigorjeviĉ: 450025 Ufa, ab. ja. 162
2. Revizoro (prezidanto de la revizia komisiono) - TOOMSALU Arvo Jaan: 203600 Pärnu Est, SSR, Riia 273 - 12

* * *

### ADRESOJ DE EKSTERKONSILANTARAJ SEJM-FUNKCIULOJ

1. Redaktoro de "Kurte" - ŜILAS Vitaŭtas Povilo: 232009 Vilnius, Daukanto 8 - 9
2. Sekcioj de la scienc-teknika fako:
   aŭtista - LINECKIJ Miĥail Jakovleviĉ: 252200 Kiev, ab. ja. 539/1
   naturamika - KILK August Karloviĉ: 200090 Tallinn, ab. ja. 264
   terminologia centro - KOGAN Aleksandr Borisoviĉ: 187500 Tiĥvin Leningradskoj obl., ab. ja. 2
3. Membroj de la revizia komisiono -
   BESPALOV Vladimir Ivanoviĉ: 354000 Soĉi, ab. ja. 6
   BERCIS Talis Roberta: 226050 Riga, ab. ja. 52

ĈIUJN KOREKTOJN KAJ ŜANĜOJN PRI LA PUBLIKITAJ ADRESOJ BONVOLU ANONCI AL "KURTE" LAŬ LA SUPRE INDIKITA ADRESO.

SEJM-Komitato

### TRADUKISTA KONKURSO - 78

Karaj legantoj! Pasinjare por la tradukista konkurso estis prezentita la rakonto de P.Baĵov "Solneĉnij kamenj". La rezultoj montriĝis ne tre riĉaj kaj ne tre altaj: nur 3 partoprenintoj. Kulpas la komplika teksto kaj la malfrua ĝia prezento. Tial ĉi-jara konkurso estas duŝtupa.

Por la unua ŝtupo - omaĝe al la 150-jara jubileo de la granda rusa verkisto L.N.Tolstoj, unu el la unuaj amikoj de Esperanto - estas proponata lia rakonto "Filipok". Por la dua ŝtupo restas la pasintjara rakonto (vidu "A"-8(41), p.84-87).

Oni rajtas konkursi nur pri unu el la menciitaj rakontoj. Tio validas ankaŭ pri la pasintjaraj konkursintoj (ili rajtas denove traduki la samon).

La tradukaĵojn sendu al mi ĝis la 1-a de julio: 656099 Barnaul, abon. jaŝcik 83. Sukcesojn!

V.Ebel, estro de la Traduka fako.

Л.Н.Толстой

ФИЛИПОК

Был мальчик, звали его Филипп. Пошли раз все ребята в школу. Филипп взял шапку и хотел тоже идти. Но мать сказала ему:

- Куда ты, Филипок, собрался?

- В школу.

- Ты еще мал, не ходи. - И мать оставила его дома.

Ребята ушли в школу. Отец еще с утра уехал в лес, мать ушла на поденную работу. Остались в избе Филипок да бабушка на печке.

Стало Филипку скучно одному, бабушка заснула, а он стал искать шапку. Своей не нашел, взял старую отцовскую и пошел в школу.

Школа была за селом у церкви. Когда Филипп шел по своей слободе, собаки не трогали его - они его знали. Но когда он вышел к чужим дворам, выскочила Жучка, залаяла, а за Жучкой большая собака Волчок. Филипок бросился бежать, собаки за ним. Филипок стал кричать, споткнулся и упал. Вышел мужик, отогнал собак и сказал:

- Куда ты, постреленок, один бежишь?

Филипок ничего не сказал, подобрал полы и пустился бежать во весь дух. Прибежал он к школе. На крыльце никого нет, а в школе слышны гудят голоса ребят. На Филипка нашел страх: "Что, как учитель меня прогонит?" И стал он думать, что ему делать. Назад идти - опять собака заест, в школу идти - учителя боится. Шла мимо школы баба с ведром и говорит:

- Все учатся, а ты что тут стоишь?

Филипок и пошел в школу.

В сенцах снял шапку и отворил дверь. Школа вся была полна ребят. Все кричали свое, и учитель в красном шарфе ходил по середине.

- Ты что? - закричал он на Филипка.

Филипок ухватился за шапку и ничего не говорил.

- Да ты кто?

Филипок молчал.

- Или ты немой?

Филипок так напугался, что говорить не мог.

- Ну, так иди домой, коли говорить не хочешь.

А Филипок рад бы что сказать, да в горле у него от страха пересохло. Он посмотрел на учителя и заплакал. Тогда учителю жалко его стало. Он погладил его по голове и спросил у ребят, кто этот мальчик.

- Это Филипок, Костюшкин брат, он давно просится в школу, да мать не пускает его, и он украдкой пришел в школу.

- Ну, садись на лавку возле брата, а я твою мать попрошу, чтобы пускала тебя в школу.

Учитель стал показывать Филипку буквы, а Филипок их уже знал и немножко читать умел.

- Ну-ка, сложи свое имя.

Филипок сказал:

- Хве-и - хви, ле-и - ли, пе-ок - пок.

Все засмеялись.

- Молодец! - сказал учитель. - Кто же тебя учил читать?

Филипок осмелился и сказал:

- Костюшка! Я бедовый, я сразу все понял. Я страсть какой ловкий!

Учитель засмеялся и сказал:
- Ты погоди хвалиться, а поучись.
С тех пор Филипок стал ходить с ребятами в школу.

KALENDARO DE ESPERANTISTAJ RENKONTIĜOJ EN USSR POR LA JARO 1978

Marto
4. - 5. - "Neĝfloketo", Riga
Aprilo - majo
29. - 2. - "Ignalina-78", Vilnius
-"- seminário de ukrainaj E-aktivuloj, Kievo
-"- CRRER-17, Tula
-"- OSER-30, Novosibirsk
8. - 9. - 9-a Montar-Ulbinka E-renkontiĝo, Ustj-Kamenogorsk
13. - 14. - 10-jara jubileo de Klajpeda E-klubo, Klaipeda
Junio
24. - 25. - "Giruliai-78", Klaipeda
Julio
1. - 10. "Esperanto kaj naturo"-IX, en ĝiaj kadroj BET-19, Estonio
12.-14. - 12-a SEJM-Konferenco, Barnaul (aŭ 14. - 19., Moskvo)
15. - 29. OrSEJT-20, Barnaul
Aŭgusto
11. - 20. - OkSEJT-20, Maĥaĉkala
Oktobro
7. - 8. - "Muzo-78", Vilnius
Novembro
5. - 7. - REVU-17, Magnitogorsk
-"- OSER-31, Meĵdureĉensk
Decembro-januaro 1979
16. - 17. - "Liro-78", Miass
31. - 1. - Novjarfesto, Riga
-"- "Lazura tajgo", Tjumenj
-"- "Ruĝa nazo", Ustj-Kamenogorsk

Ĉiujn aldonojn, precizigojn, ŝanĝojn sendu al "A" aŭ al la v/p pri renkontiĝoj L.Novikova: 456323 Miass Ĉeljabinskoj obl., a/ja 25.

PRI ESPERANTO - AL SCIENCISTOJ

Ĉi-jare Scienc-teknika fako de SEJM komencos eldoni ruslingvan informilon por sciencistoj-neesperantistoj. Celo de la informilo estas liveri al sciencistoj, baraktantaj inter lingvaj malfacilaĵoj, informojn pri uzado de Esperanto en la scienco kaj tekniko, problemajn artikolojn pri la ebla rolo de Esperanto por solvi la problemon de multlingveco, eldirojn de sciencistoj pri Esperanto ktp.

En la unua fazo ni dissendos la informilon nur al sciencistoj, aŭdintaj pri Esperanto kaj pli-malpli favore rilatantaj al la lingvo. Provos ni sendi ĝin ankaŭ al kelkaj redakcioj de sciencaj kaj teknikaj revuoj.

Mi petas la klubojn kaj subtenantojn de SEJM sendi al Barnaul adresojn de similaj sciencistoj, al kiuj ni sendadu la informilon. Indiku ankaŭ ties sciencajn gradojn kaj titolojn, laborlokojn, oficojn kaj en kiu sciencbranĉo ili laboras.

A.Gonĉarov, estro de STF.

SEMINARIO DE TRADUKISTOJ EN DONECK

La 9-an de februaro en Doneck unuafoje okazis periferia seminario de tradukistoj el tuta Donecka regiono. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 200 tradukistoj el diversaj entreprenejoj kaj sciencaj institutoj. La seminarion invite kiel membro de Scienc-teknika societo partoprenis ankaŭ la aŭtoro de ĉi tiu artikolo kaj sukcesis fari informon "Teknikaj (fak)vortaroj en la lingvo Esperanto".

La ĉefajn prelegojn faris kandidatino de filologiaj sciencoj Ĉernavina L.I,, grupestrinoj Kudrjaŝova L.M. kaj Noviĉkova L.M. el la Tutlanda Centro de Tradukado (VCP). Rakontinte pri terminologia laboro en VCP, pri malfacilaĵoj dum tradukado de titoloj el artikoloj de angla-usonaj fontoj ktp., ili sciigis ankaŭ, ke oni planas organizi en VCP specialan "Servon de novaj terminoj" kaj atendas partoprenon en tiu servo de ĉiuj dezirantoj, kiuj pretas labori en terminologia branĉo. Tuj post la seminario la aŭtoro kontaktis kun k-dino Noviĉkova pri la terminologia laboro kaj uzado de slipoj. Ŝi donis kelkajn slipojn kiel ekzemplo. La slipoj estas tute primitivaj, tiuj de nia Terminara Centro estas pli modernaj.

Sed la plej gravaj diskutoj okazis poste, kiam oni aranĝis amikan vespermanĝon en hotelo kaj la aŭtoro estis invitita. La diskuton partoprenis ĉiuj 9 partoprenintoj de tiu amika rondo. Dum preskaŭ kelkaj horoj la ĉefa temo de konversacioj estis Esperanto kaj ĝia estonto. La suprenomitaj moskvaj fakulinoj esprimis respekton al Esperanto kiel lingvo kaj diris, ke ili konatiĝis kun ĝia gramatiko, sed fakte la historion kaj la evoluon de la lingvo ili tute ne konas kaj tial dubas pri ĝia estonto kiel lingvo por teknikaj kaj sciencaj servoj. Kaptinte la okazon, la aŭtoro donacis al k-dino Noviĉkova la libron "Problemoj de interlingvistiko". Krome estis interkonsento, ke ni sendu al VCP iun informon.

Inter VCP-eldonaĵoj, kiujn oni vendis dum la seminario, estis ankaŭ trivoluma ruslingva verko "Internaciaj kaj regionaj organizaĵoj de la scienco kaj tekniko". En tiu libro, eldonita en 1977, oni mencias kelkajn E-organizaĵojn: CED, TEJA k.a.

Do, verŝajne venis tempo por ke nia landa TC ekkontaktu tiun fakan organizaĵon. La adreso: 117218 Moskvo V-218, ul. Krĵiĵanovskogo 14, korp. 1, Vsesojuznij centr perevodov nauĉno-teĥniĉeskoj literaturi i dokumentacii.

Ni provu!

N.Starodubcev (Doneck).

SPERTOŜANĜE PRI LA AGADO EN KAMĈATKO

I. <u>Instruado de Esperanto kaj fondo de la klubo.</u> Aktiva E-agado en Petropavlovsk-Kamĉatskij komenciĝis aŭtune de 1975, kiam mi ekgvidis rondeton en la urba kulturdomo de fiŝkaptistoj. Antaŭ tio en la urbo estis nur 3 geesperantistoj. Tiu triopo kaj 4 restintoj en Kamĉatko finintoj de la rondeto fondis printempe de 1976 la unuan en la urbo E-klubon "Koro esperantista", kiu tuj fariĝis kolektiva subtenanto de SEJM. Ekde tiam en la kulturdomo ĉiuaŭtune eklaboras nova rondeto por komencantoj. La ĉefa uzata lernolibro ĉiam estas la merite bonfama lernolibro de B.G.Kolker, kaj ni tutkore dankas

al E-klubo de Ufa, kiu ĉiam disponigas al ni neeesan kvanton de la lernolibroj. La lecionoj okazas en la kulturdomo unu fojon semajne; krome, la rondetanoj plenumas hejme ĉiujn lernolibrajn ekzercojn, kiujn poste kontrolas la instruisto. Bone helpas al la rondetanoj la vortareto de I.V.Sergejev, pro kies ricevo ni dankas al D.M.Cibulevskij.

Rezulte de ĉiujara instruado okazas malrapida, sed ĝis nun konstanta kresko de la urba esperantistaro. Forte malhelpas tio, ke ĉiujare kelkaj kursfinintoj forlasas Kamĉatkon porĉiame. Dum 1976 kaj 1977 forveturis 4 gekamaradoj, dum neniu aliregiona esperantisto alveturis. Ĉi-printempe la rondeton finos ĉ. 8 personoj, tamen jam somere 4 el ili forveturos. Do, kompense al ĉiujara forveturado estas nur unu rimedo - same ĉiujara instruado de Esperanto. Tiel ni atingis, ke malgraŭ la forveturado la klubanaro kreskas.

II. Nia sperto pri varbado de novuloj. La varbado ĉiam postulas informadi neesperantistojn pri Esperanto. Niasperte la kernaj, unuavice necesaj varbadrimedoj estas jenaj.

1. Unu - du (se eble, pli multaj) artikoletoj dumjare en lokaj ĵurnaloj. La artikoletoj pri la lingvo kaj E-agado prefere estu publikigitaj proksimtempe al planata komenco de rondeto.

2. Anonceto en loka ĵurnalo pri la unua leciono de la rondeto kaj pri loko de ĉiutaga registriĝo por la rondeto (ekz., ĉe deĵoristo de la kulturdomo). La anonceto estu publikigata dezirinde kelkfoje; ĝi povas esti ero de kulturdoma anonco pri registriĝo por tuta aro de diversokupaj rondetoj.

3. Afiŝo pri la rondeto. Oni preparu almenaŭ unu sufiĉe grandan afiŝon kaj lokigu ĝin en kulturdoma montrofenestro aŭ alia bone vizitata kaj rimarkebla loko. La afiŝo, same kiel publikigo de la ĵurnala anonco, estu aprobita de la kulturdoma estraro. Per la afiŝo oni povas informi ankaŭ, ke dum la unua leciono estos prelego pri Esperanto.

4. La unua leciono, kiun oni povas plene dediĉi al al vigla, proksimume unuhora prelego pri Esperanto. La prelego helpos liberiĝi de hazardaj venintoj kaj stimulos altiri pliajn novulojn.

5. Helpo al malfruiĝintoj. Al tiuj, kiuj venas al la rondeto jam post trastudo de kelkaj lecionoj, oni permesu provi siajn fortojn, celante atingi la scinivelon de la dekomencaj rondetanoj kaj poste kunlerni. Ne malofte tiaj malfruiĝintoj poste fariĝas plej bonkvalitaj esperantistoj.

III. Organizaj ŝanĝoj en la klubo. Somere de 1976 dum Tiĥvina Konferenco nia klubo fariĝis klubo-kandidato de SEJM. La kluba agado pliviglîĝis, kaj post jaro laŭ rezultoj de la socialisma konkurado nia klubo fariĝis klubo-membro de SEJM.

En aŭgusto 1977 la klubkunveno decidis alinomi la klubon je Esperanto-klubo de internacia amikeco, aganta en la urbo Petropavlovsk-Kamĉatskij. La decido estis aprobita far direktoro de la kulturdomo kaj gvidanto de kulturfako de la regiona sindikata konsilantaro. La klubo (kaj la rondeto, funkcianta ĉe ĝi) agas laŭplane. La plano estas preparata por ĉiu jarkvarono kaj disponigata al la kulturdoma direktoro. Ekde septembro 1977 ni havas en la kulturdomo konstantan ĉambron kun lerneja tabulo kaj piano.

En novembro 1977 estis elektita la kluba konsilantaro: prezidanto kaj sekretario de la klubo, SEJM-reprezentanto - Natinj A.J.; vicprezidantino, organiz-mastruma fakestrino - Bobjor M.I.; junulara fakestrino - Petrova M.A.; muzik-kanta fakestrino - Tazova M.V.; financa fakestrino - Mitrofanova L.N. Plej gravaj klublaboroj kuŝas sur la ŝultroj de tiuj personoj, ĉar la nivelo de aliaj geklubanoj ankoraŭ ne estas sufiĉe alta.

IV. Kelkaj faritaĵoj kaj kelkaj planoj. Antaŭ kelkaj jaroj en "Kamĉatskaja pravda" aperis granda artikolo pri revoluciulo A.S.Ja-

kums, kiu multon faris por venko de la soveta sociordo en Kamĉatko, ankaŭ en Latvio kaj okcidenta parto de Rusio. Ni sendis la artikolon al lerneja klubo de internacia amikeco "Fajrero", aganta surbaze de Esperanto en latva loĝloko Ziemeri, kie naskiĝis A.S.Jakums. Kaj evidentiĝis, ke tiea loĝantaro unuafoje eksciis pri sia elstara samlandano nome el la supremenciita artikolo sendita de kamĉatkaj esperantistoj. Pri tio vaste kaj multfoje reeĥis latvalingva gazetaro, plurfoje menciinte la gravan esplorlaboron de la esperantistoj el Kamĉatko kaj Ziemeri. Septembre de 1977 per longa artikolo kun samtema mencio reeĥis "Kamĉatskaja pravda", kaj nun estas atendata simila reeĥo en "Kamĉatskij komsomolec". Nun ni planas aranĝi en la kulturdomo la ekspozicion pri A.S.Jakums, parton de materialoj por tio disponigis al ni la klubo "Fajrero".

Ni strebas ne preterlasi okazojn por publikigo de materialoj pri Esperanto kaj esperantista agado en lokaj ĵurnaloj. Ekz,. dum 1977 tri klubaninoj publikigis 3 priesperantajn artikolojn. Krome aperis anoncetoj pri la E-rondeto kaj mencioj pri Esperanto en artikoloj de neesperantistoj.

La 15-an de decembro 1977 ni festenis Zamenhof-vesperon en urba junulara vespera kafejo. Partoprenis 17 klubanoj kaj rondetanoj, ĉeestis ankaŭ ĉ.50 neesperantistoj. La ĉefaj eroj estis: mallonga rakonto pri Zamenhof kaj Esperanto; plenumado de E-kantoj; ekspozicio de libroj, revuoj ktp. La ĉeestintoj kaj komsomola gvidantaro de la kafejo dankis nin pro la programo. Foto pri la vespero eniris ekspoziciojn pri ĉiuj rondetoj de la kulturdomo.

Estas sufiĉe malfacile prepari prelegon pri Esperanto, kiu ricevus oficialan aprobon de la societo "Scio". En 1975 mia prelego tian aprobon ricevis kaj mi ekrajtis prelegi en laborulaj kolektivoj kiel preleganto de "Scio". Tamen post unu jaro la "Scio"-estraro postulis denove recenzi la prelegon. Kaj dume ne estas akirita·no a pozitiva recenzo, kvankam la prelego estas jam legita pli ol 30 fojojn kun bonegaj skribaj reeĥoj. Oni postulas, ke: la prelego daŭru ne pli ol 45 minutojn; ĝi en/havu la ĉefajn gramatikajn trajtojn de Esperanto (kun klarigaj tabuloj); necesas mencii pri historio de lingvoplanado kaj pri kaŭzoj de fiasko de aliaj projektoj. Do restas tro malmulte da tempo por rakonti pri la soci-utila rolo de Esperanto, pri ĝia didaktika valoro ktp. Tamen nun estas espero, ke la prelego ricevos pozitivan recenzon dum proksimaj monatoj. Ĉiukaze, oni povas almenaŭ unufoje jare prelegi eĉ sen aprobo de "Scio". Sed membrokarto de "Scio" kaj aprobita de ĝi prelego helpas fari unuajn paŝojn en eventuala nova loko.

Nia klubo ĉiujare sendas partoprenantojn por la E-tendaroj kaj epizode por aliaj E-renkontiĝoj. Ni bone komprenas tiel la lingvoperfektigan, kiel la spertoŝanĝan rolon de la renkontiĝoj.

V. Konklude. Por la unua duono de la agadjaro nia klublaboro ricevos pritakson je 176 poentoj, kompare kun 128 dum la tuta agadjaro 1976/77. Do, malgraŭ la kompara malforteco de nia klubo, ni agas kaj agos plu.

A.Natinj, prezidanto de la klubo.

## EN LA LULILO DE NIA MOVADO

La historio de E-movado en Odeso abundas je famaj eventoj kaj gloraj nomoj: fondiĝo de unu el la plej fruaj E-rondetoj "Espero" en 1896, aktivado en Odeso de S.G.Rublov, A.M.Verŝinin, N.F.Danovskij... Pluraj nunaj aktivuloj de SEJM devenis el Odeso: A.Gonĉarov, V.Samodaj, B.Kolker, A.Ĥarkovskij faris siajn unuajn E-paŝojn en nia urbo aŭ almenaŭ estis ligitaj kun ĝi en komenco de sia E-agado.

Jes, Odeso estis lulilo de esperantistoj; tamen maturiĝinte oni forlasas sian lulilon... Dum multaj jaroj en Odeso nur bruletis fajrero de Esperanto, dank' al sindona laboro de rondetgvidantoj N.V. Blaĵkov en Palaco de Pioniroj kaj N.I.Sigal en Domo de sciencistoj. Sed poiomete la laboro pliviglîĝis: post dekjara interrompo aperis geodesanoj en junularaj tendaroj, komencis partopreni en la landa E-vivo.

Ekde 1977 la rondeto ĉe Domo de Sciencistoj dividiĝis je du partoj. La veteranoj, gvidataj de N.I.Sigal, okupiĝas pri internacia korespondado. En la junulara sekcio, kiu konsistas precipe el komencantoj, oni ĉefe studas la lingvon sub gvido de S.I.Vajnblat. Kunsidoj de ambaŭ grupoj okazas ĉiudimanĉe je la 12-a horo en la Domo de Sciencistoj.

Nia celo estas komprenéble soci-utila laboro pere de Esperanto. Sufiĉe ofte ni publikigas en loka gazetaro artikolojn pri niaj aferoj kaj nia lingvo: "Poezija Esperanto" en "Veĉernjaja Odessa", artikoloj de T.Auderskaja kaj S.I.Vajnblat en Nigramara ĵurnalo "Morjak", malgrandaj sciigoj de N.I.Sigal en "Veĉernjaja Odessa". Post tiuj publikaĵoj multaj homoj, ekinteresiĝinte, venas al ni kaj ekstudas la lingvon. (La specimenoj de la "Morjak"-publikaĵoj estas kunsenditaj. Tiu de k-do Vajnblat enhavas hontindan fuŝaĵon: niaj antaŭlonge forpasintaj samideanoj J.Mavr kaj G.Deŝkin estas prezentitaj, kvazaŭ ili estus nun bonsane vivantaj. - La red.)

Ni opinias, ke la unua trajto de esperantisto estas sendube la scio de Esperanto. Do, komenci laboron en nia novnaskita klubo ni intencas per insista lernado de la lingvo, samtempe evoluigante kapablojn de ĉiu klubano, por ke en tendaro, en la aktiva E-vivo li jam povu konscie elekti por si mem taŭgan agadvojon.

Jen, inter niaj geanoj S.Vajnblat verkas versojn, tradukas; aliaj kantas, gitarludas. Ni esperas, ke ili povos kontribui al nia Belarta fako. Mi ankoraŭ en Tiĥvin proponis mian helpon al Terminara Centro, sed dume ne ricevis prilaborendan materialon.

Pasinjare en Odeso k-do Ĥarkovskij faris prelegon pri la historio kaj perspektivoj de Esperanto, kiun ĉeestis mi kaj miaj kolegoj (nia laboro estas ligita kun programlingvoj, artefarita intelekto, interkompreno de maŝino kaj homo en natura aŭ natursimila lingvo). Post tio ili serioze ekinteresiĝis pri Esperanto. Ni prilaboras akireblan ĉi-teman literaturon. Mi volus peti ĉiujn, kiuj havas ian literaturon pri uzado de Esperanto por komputado aŭ E-terminarojn por komputistoj, aŭ simple iajn ideojn pri la temo kaj volas kunlabori, ke ili skribu al mi. Materialoj post kopiado estos nepre resendotaj.

Odeso estas internacia haveno, kie abundas eksterlandanoj. Ni ĉiam akceptas gastojn (plejparte amikojn de N.I.Sigal, kiu havas grandegan eksterlandan korespondadon), komune fotiĝas ĉe la monumento de Zamenhof (ŝajne la sola en USSR). Tamen ni deziras plenumi s e r i o z a n , r e g u l a n internacian laboron enkadre de SEJM. Odeso havas 14 urbojn-ĝemelojn; dum OkSEJT-19 la listo de ili estis donita al tiama unua vicprezidanto, kaj nun ni atendas adresojn de tieaj E-kluboj por fondi kontaktojn. Kun tiuj rezultoj ni jam povus starigi oficialajn rilatojn kun niaj Societoj de amikeco ktp.

Jen kelkaj vortoj pri nia klubo. Verdire, eĉ ne klubo, ni estas dume nur rondeto ne aliĝinta al SEJM. Kompreneble ĉio ĉi estas tre modesta, nemultflanka, sed ni pretas labori kaj kun plezuro akceptos saĝajn konsilojn, sperton de malnovaj esperantistoj.

Kontribuu al kresko de la nova klubo!

T.Auderskaja (Odessa-270100, Korolenko 5b - 26).

## KELKVORTE PRI LA AGADO

Mi prelegis en diversaj oficejoj, lernejoj, laborejoj. Proksimume 500 personoj en nia urbo estas informitaj pri la lingvo.

11 komencantoj lernas la lingvon laŭ la lernolibro de Kolker.

Ni havas propran rondan sigelon de E-klubo, menditan de la gorkomo de komsomolo. Por la kursfinontoj estas provizitaj atestfolioj kaj insignoj.

Por la agadjaro estas abonitaj E-revuoj je 67 rub., aĉetitaj libroj je 29 rub.

Per korespondado ni kontaktas kun 6 landoj. Al GDR kaj Pollando estas senditaj memfaritaj albumoj.

Niaj publikaĵoj aperis en "Mevo" kaj "Bulgara Esperantisto".

F.Faizova (Satka).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO- MOZAIKO

### PRI LA SOVETA KONSTITUCIO - EN ESPERANTO

La redakcio de "Moskvaj novaĵoj" emisiis specialan anglalingvan numeron kun aldono en Esperanto - la raporto de L.I.Brejnev dum la eksterordinara sesio de Supera Soveto de USSR. Petu la eldonaĵon ĉe la E-Komisiono de SSOD por viaj eksterlandaj amikoj kaj instigu ilin reeĥi al la redakcio de "Moskvaj novaĵoj".

### LA REDAKCIO RICEVIS

- la almanakon "Amikeco", kajero 25. Ĝi enhavas: artikolojn de V. Ruĵevičius "Loko de Esperanto en instruado de lingvoj" kaj de A. Vaitilavičius "Propraj nomoj - ne nur lingva problemo", versaĵojn de R.Rossetti kaj B.Kärt omaĝe al la 90-jara jubileo de Esperanto, vojaĝskizon de J.Ojalo pri vizito al Pollando, nekrologojn pri I.J. Bril kaj A.Bartninkas, tradukojn el M.Kocjubinskij, Š.Alejĥem, R. Burns, M.Cvetajeva, J.Sadūnas, originalajn versaĵojn de H.Dresen kaj P.Aitai, rakonton de V.Pacjurko pri uzo de Esperanto en la revolucia agado de Okcidenta Ukrainio en la 20-aj - 30-aj jaroj k.a. Fine estas anonco, ke la nova redaktoro (anstataŭ A.Rogov) estas Kalju PILL: 200090 Tallinn, p.k.264.

- la saman, kajero 26. Ĝin malfermas traduko de fragmento "Soveta virino" el la rememoroj de L.I.Brejnev "Malgranda tero". Pri la Patria Milito temas ankaŭ versaĵoj de D.Vaarandi, A.Tonti, V.Pacjurko. Grandan spacon okupas materialoj lige kun la jubileo de A.H. Tammsaare. La kajeron konsistigas krome: fragmentaj tradukoj el la poemo de N.A.Nekrasov "Kiu en Rusujo plej bone prosperas?", originalaj versaĵoj de B.Berin, L.Jevsejeva, P.Aitai, artikolo de A. Leis "Esperanto kaj ŝako", traduko el J.Janonis k.a.

- bultenon N-10 de Provizora Arkiv-muzea Labora Komisiono (ruslingvan). La fondinto de PALK-arkivo N.J.Tupijanc informas, ke la arkivo estas transdonita por provizora konservado al S.N.Kuznecov en Moskvo; post kreo de Sovetia E-Unuiĝo la arkivo iĝu ĝia propraĵo. Dume estas serĉata oficejo aŭ publika institucio, kiu konsentus teni la arkivon provizore. Tupijanc dankas ĉiujn PALK-kunlaborintojn.

### INTERKONA VESPERO

inter E-klubanoj kaj komencantoj okazis en Krasnojarsk la 19-an de februaro. En la programo estis koncertetoj fare de ĉiu grupo de komencantoj, bankedo, dancoj, ludoj, lumbilda prezentado ktp. La vesperon plejparte preparis mem komencantoj helpe de kursgvidantinoj.